Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo
APETo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 05 oktobro - decembro 2013



Karaj gelegantoj,

La brizo, kiu komencas blovi al niaj naztruoj memorigas nin, ke la fino de tiu ĉi jaro alproksimiĝas... kaj do prepariĝas alia, plena je renkontiĝoj!

Jen la organizantoj de la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto senpaciencas akcepti vin jarfine en Kotonuo. La retrokalkulo komenciĝis kaj restas nur kelkaj semajnoj antaŭ la evento. Ni laboras senlace por ke vi pasigu agrablan restadon kaj mirindan momenton en Benino.

Afriko estas lando de mirindaĵoj, de revoj kaj belaj homoj, kaj tiu kongreso celas kunigi esperantistojn el la tuta mondo dum unu semajno por ke ili amuziĝu, laboru kaj interkompreniĝu uzante Esperanton.

**[Aĝe Aĝevi]**

*Chers lecteurs,*

*La brise qui commence à arriver dans nos narines nous rappelle que la fin de cette année approche... et donc qu'une autre se prépare, pleine de rencontres !*

*Le comité d'organisation du 5è Congrès Panafricain d'Espéranto est impatient de vous accueillir en fin d'année à Cotonou. Le compte à rebours a commencé et il reste seulement quelques jours pour l'événement. Nous travaillons sans relâche pour que vous passiez un séjour fantastique et un merveilleux moment au Benin.*

*L'Afrique est une terre de merveilles, de rêves et de belles personnes, et cet événement a pour objectif d'unir des espérantistes de partout le monde pendant une semaine afin qu'ils s'amusent, travaillent et se comprennent en utilisant l'Espéranto.*

***Adjé Adjévi***

# Nomadkurso tra Burkino kaj Togolando

Temas pri projekto, kies celo estas respondi du ĉefajn demandojn: "*Mi estas eterna komencanto! Mi dezirus enprofundiĝi en la lingvo, sed kiel fari, sciante ke por bone paroli lingvon, necesas viziti la landon mem...*", "*Mi ŝatus viziti Afrikon, sed iom timas, preferindus vojaĝi kun aliaj homoj, sed, en iu aparta etoso, ne kiel turisto...*"

Jen Nomadkurso proponas vojaĝon al Afriko, kiu inkluzivas E-kursojn, vizitojn al esperantistoj, al interesindaj vivlokoj. La celo estas travivi kunkune mirindan vojaĝon kaj flue paroli Esperanton je la fino de la aventuro.



**Partoprenontoj al «Nomadkurso», mankas nur Adjé Adjévi**

Konkrete, de la 13-a de januaro ĝis la 13-a de februaro 2014 Nomadkurso kunigos tra Burkino kaj Togolando unu "okcidentan" Esperant-instruiston, unu afrikan E-instruiston (Adjé Adjévi), kiu samtempe zorgos pri loĝistiko surloke kaj grupo da partoprenontoj el Francio (vd foto apude).

Unue la partoprenontoj flugos al Vagaduguo en Burkino kaj interkonatiĝos kun *Orange Bleue* en la ĉefurbo. Poste oni enbusiĝos ĝis la malia landlimo por sperti la etoson de *Aurovillage*, kaj partopreni en diversaj proponoj interalie Esperanto. Ni revenos al Vagaduguo, ripozos, vizitos, esperantigos... kaj enbusiĝos al Togolando por atingi urbeton Kante. En Kante atendas la grupon mirinda sperto ĉe la familio de amiko Akanto, juna, vigla kaj interesega kamparano.

Fino de la vojaĝo, ĉerizo sur kuko – alveno al Lomeo, kie vivas esperantista nukleo, troviĝas Instituto Zamenhof kaj diversaj vizitoj en Esperant-medio abundas.

Kontaktadreso: contact@la-maraude.fr

# Esperanto savis mian vivon !

Juna togolandano, membro de la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE), membro de la Afrika Komisiono, landa organizanto de Pasporta Servo, kunfondinto de nombraj E-kluboj lokaj kaj asocioj, 36 jaraĝa, mi estis trafita de trafik-akcidento: motorciklo batis min kaj surveturis mian maldestran kruron, okazigante gravajn malfermitajn frakturojn kaj gravajn vundojn ĉe la piedo, la 28-an de Julio 2013.

Mi estis enhospitaligita en la universitata hospitalo (CHU) de Lomeo, en kondiĉoj pli ol aŭsteraj, fizike kaj psikologie malfacile elteneblaj. Mi ricevis unuajn flegojn tie kaj estis dufoje operaciita (la 29-an de julio kaj la 26 de aŭgusto) ĉe la piedo. Bedaŭrinde, la piedo poste estis infektita kaj necesus fortranĉi ĝin... terura novaĵo...


Kirurgia Kliniko (CCL) de Lomeo - privata kuracejo

Mi esploris kaj informiĝis, ke se mi estus flegita de privata kuracejo, mia kazo estus tuj pritraktata kaj taŭgaj flegoj estus surreligitaj. Sed la afero estis, ke la fakturo estis granda, kaj pritaksiĝis je pli ol 7000 €, kaj la kuracejo postulis 75%-an antaŭpagon. Ja urĝis la situacio, necesis turniĝi al ĉiuj esperantistaj amikoj, kaj Afrika Centro Esperantisto (ACE) lanĉis la ideon. Tuj Evelyne kaj aliaj geamikoj de Sunkompanio sendis 2.000 € kaj sin proponis kunigi la necesan sumon per kampanjo, kiun ili titolis "solidareco al Adjévi".

Nekreble, la solidareco inter esperantistoj miakaze bone funkciis kaj ene de kelkaj semajnoj la necesa sumo estis kunigita kaj sekure sendita al Lomeo. La 18-an de septembro mi iris al la nova kuracejo. Tie *"li estis en izolita ĉambro por protekti lin kontraŭ bakterioj. Oni nur rajtis viziti lin unuope kaj vestita "kiel marsiano". La 27-an de septembro oni reoperaciis sukcese liajn tibion kaj peronon, kiuj estis operaciitaj en la alia hospitalo".* La 25-an de oktobro operaciiĝis la femuro, kiu estis ankoraŭ ne tuŝita.


universitata hospitalo (CHU) de Lomeo - ŝtata malsanulejo

Finfine mia san-situacio povis iom pliboniĝi kaj mi povis reveni hejmen la 6-an de novembro. Mia vivo denove fariĝas pli kaj pli bona. Mi sentas nun, ke pro la travivaĵo mi estas anime pli forta nun ol mi estis antaŭe.

Nuntempe mi daŭrigas la seancojn kun la kineterapisto, dufoje en la semajno revizitas la kuracejon por flegoj kaj kontroloj. Mi multe legas, skribas kaj ankaŭ ripozas! Eĉ se mi ankoraŭ ne reatingas la normalan funkciadon, la fakto reveni hejmen estas jam granda diferenco.

Kaj nun mi nepre volis aparte diri dankon al ĉiuj malavaraj mondonacintoj, al tiuj, kiuj senhezite vizitis min en la hospitalo jen kun fruktoj aŭ kun bezonaĵo enmane, senforgesi tiujn, kiuj preĝis aŭ telefonis por kuraĝigi min kaj al kiuj sukcese kunordigis la monkolektadon. Tiom la subtenoj estis diferencaj kiom la landoj de la subtenintoj. Ĉiu kontribuis laŭ sia ebleco kaj tiel savis min el la morto! Al ĉiuj mi sendas amikajn kaj sincerajn dankesprimojn kaj sciigas, ke danke al ili mi pluvivas kaj havas novan energion por daŭrigi la laboron por nia komuna idealo.


resaniĝanta Adjévi

Kaze de ajna demando aŭ dubo, bonvolu skribi al mi per adjevia@yahoo.fr aŭ adjevia@gmail.com

# E-konstruaĵo en Burundo, respondas John Derks

**La 7-an de septembro 2013 estis solena malfermo de la Esperanto-biblioteko en la urbo Rumonge, (Burundo) kadre de instruista seminario de la landa asocio ANEB. Temas pri konstruaĵo entenanta plurajn ĉambrojn i.a kunvenejo, gastĉambro, klasoj... Ĝi konstruiĝis dum kvar jaroj danke al la fondaĵo “Esperanto en Evoluo”. La revuo «Babilanto» pridemandas s-ron John Derks, kiu estis la ĉefa iniciatinto de la projekto.**

***Kiel naskiĝis la ideo de E-centro en Rumonge?***

Mi havas esperantan geedzecon de nederlandano kun serbino. Tio estis grava instigo, kiam ni fariĝis emerituloj, proponi nin kiel vizitantajn instruantojn. Ĉar mi en la jaroj 1965-'67 estis instruisto en Ugando, mi ekpensis iri al tiu regiono. Sed la vizitota lando fariĝis Burundo, iom pli sude ol Ugando.

La kontakto kun la afrikaj organizantoj de nia vizito en Rumonge estis tiel agrabla kaj la interesiĝo por niaj kursoj tiom granda, ke ni komencis surloke fantazii pri materia subteno el "Eŭropo" al la movado en Burundo. Granda bezonaĵo, laŭ niaj gastigantoj, estis loko por renkontiĝi kaj gardi lernolibrojn. Afrikanoj ne havas monon por aĉeti librojn kaj se ili disponas pri iu lernilo, tio baldaŭ estos trivita pro neebleco gardi ĝin en taŭga loko. Ŝrankoj ne ekzistas en meza afrika domo.

***Ĉu vi bonvolas klarigi al niaj legantoj la bazan ideon de tiu projekto?***

Ĝi ne estas donacego de blankuloj al senhava movado. Mi pripensis, ke la biblioteko devos esti kvazaŭ entrepreno de esperantistoj, kiu ankaŭ servas al la evoluo de la afrika komunumo. La plej praktika formo por tio estos, ni konkludis post malakcepto de pluraj pli ambiciaj projektideoj, biblioteko por la juna enloĝantaro de Rumonge. Libroj en Esperanto, sed ankaŭ en la franca kaj kirundi (la nacia lingvo).

***Por realigi la konstruadon de la centro vi certe bezonis rimedojn. Kiel vi elturniĝis pri tio?***

Nia unua buĝeto estis malpli ol dek mil eŭroj. Tio fariĝis fine pli ol dek kvin mil. Fakte mi mem pagis la plimulton, dum estis du grandaj financantoj, kiuj prunteprenis al ni monon por minimume tri jaroj. Sen tio kaj sen la helpo de dudeko da helpantoj per 50 ĝis 200 eŭroj ni neniam povintus realigi nian unuan revon.

Por trovi tiujn helpantojn ni prelegis ĉe diversaj germanaj kluboj.

Ni esperas, ke la grandaj financantoj ne retropetos la plenan pruntitan monon, sed tio estas tute necerta, tiel ke ni bezonos ankoraŭ 3750 eŭrojn por repagi ilin.

Ni multe klopodis por trovi entreprenan *formulon,* per kiu la rumongaj esperantistoj povos gajni monon de siaj klientoj. Ĉar estas ankoraŭ apenaŭ libroj en la biblioteko, ni ne scias, ĉu tiu dua revo realiĝos. Eble ni estis tro optimismaj pri tio, ĉar oni facile forgesas, ke ekspluati bibliotekon aŭ kiun ajn entreprenon postulas teaman forto-streĉon, administrajn kaj merkatigajn kapablojn. Kaj niaj afrikaj amikoj plej multe estas instruistoj, junaj patroj de familio ktp. Ĉu postuli de ili duoblan vivon?

***Bonvolu klarigi, kiujn specialajn eblecojn ofertas la Eo-domo?***

La konstruaĵo enhavas la veran bibliotekon, 6m x 4m, kun legosalono de 6m x 11m, stokejon, oficejon por la asocio kaj ĉambron por vizitantoj. Aktuale al la konstruaĵo estas alkonstruataj du klasĉambroj (8m x 11m). La lokaj gvidantoj esperas, ke tio ebligos instrui Esperanton ne nur al lernejanoj, sed ankaŭ al instruistoj kaj aŭtoritatuloj de Rumonge.

La bibliotekejo okupas terenon de 17m x 25m kaj estas ĉirkaŭata de firma muro.



De maldestre : Svetlana, Hasan k. Jérémie

***Kiujn projektojn ĝis nun subtenis “Esperanto en Evoluo“?***

La biblioteko estas nia unua projekto.

***Kiujn problemojn vi frontis en la konstruado de la projekto en Rumonge?***

Laŭ la organizantoj de la konstruado estis diversaj problemoj: La konstrufirmaestro ĉesis labori, la prezoj de materialoj sufiĉe altiĝis kaj la akvoprovizo kostis ekstre, ĉar la akvo devis veni de malproksime.

***Ĉu post Rumonge vi planas starigi similan projekton en alia afrika lando? Vi evidente elektos prioritatojn. Kiujn?***

Laŭ la statuto de la fondaĵo ni *"serĉas financan subtenadon de profitodonaj projektoj en malriĉaj landoj, kiuj celas doni financan bazon al la tiea Esperanto-movado".* La nomo *"Esperanto en Evoluo"* aludas al tio: disvastigo de la lingvo en ekonomie evoluanta ĉirkaŭaĵo.

Por elekti lokon por nova projekto ni bezonas grupon da movadanoj aktivaj, kiuj havas la ambicion solvi la problemojn, kiujn la landa movado




konfrontas.
Kun la finiĝo de la Rumonga projekto ankaŭ finiĝos mia prezidanteco kaj la sekretarieco de Renato Corsetti. Nova prezidanto estos Stanislav Belov, sindediĉema, sperta kaj elokventa juna esperantisto el Rusujo. Mi provizore restos en la estraro kiel kasisto. Pro vakontaj estrarlokoj ni serĉas novan sekretarion kaj duan kasiston por monvarbado.

***Jen ni atingas la finon de la intervjuo, ĉu vi havas apartan mesaĝon por la legantoj de la revuo "Babilanto" aŭ por la afrikaj geesperantistoj?***

Mi esperas ke, kiel viaj internacie orientitaj legantoj, ankaŭ aliaj esperantistoj konvinkiĝos, ke solidaraj internaciaj kaj interetnaj kontaktoj ne nur estas la celo de la Esperanta movado por realigi "komprenon inter la popoloj", sed jam nun estigas ĝian ekzistorajton.
Mi esperas ankaŭ, ke multaj serĉos esperant- kaj franclingvajn librojn por sendi al BP 170, Rumonge, Burundo. Retpoŝta kontakto eblas kun Ntahonsigayea@yahoo.fr. Pri la agado de la fondaĵo "Esperanto en Evoluo" rigardu http://esp-evoluo.tk. La konto de la fondaĵo ĉe UEA estas eeer-u.

***Dankon pro la intervjuo, gratulon pro la iniciato en Rumonge kaj sukceson al ANEB kaj al la fondaĵo* "Esperanto en Evoluo".**

**Kotizoj al Unuiĝo Togolanda Esperanto (UTE) en 2013:**
*** por laboruloj : 2.000 FCFA**
*** por meti- kaj lernantoj: 500 FCFA**

**Retadreso: utetogo@hotmail.com**
**Tél.: 99 57 26 23/ 22 27 51 64**

# Membro de Esperanto – Strasburgo vizitis Togolandon

Esperantistino Lauffenburger Claire, psikiatro, specialisto pri edukado al personoj kun mensaj problemoj vizitis denove Togolandon, kadre de sia profesio, de la 16-a de oktobro ĝis la 4-a de novembro 2013.

Dum sia restado en Togolando, Claire kun sia amiko Roland gastis en Kpalime. Tie ili deĵoris en orfejo kun kiu ŝi havis laborkontrakton por helpi infanojn. Ili ankaŭ profitis por konatiĝi kun la nordo de la lando, akompanate de juna togolandano danke al rilatoj de esperantisto.

Antaŭ sia flugo al Togolando, Claire kolektis monon, librojn, kuracilojn de Esperanto-Grupo de Strasburgo kaj de sia familio por Adjé Adjévi. Tiu ĉi havis voj-akcidenton la 28-an de julio kaj de tiam estis en hospitalo. Tuj post ilia alveno al Lomeo, Claire kaj Roland vizitis Adjévi en lia hospitalo, kie ili transdonis la kolektitan monsumon kaj esperantaĵojn por li. Krome, la vizitantoj havis amikajn babiladojn dum kiuj ili prezentis pri la medikamento MMS kaj homeopatio al Adjévi. Dankon al ili kaj al tiuj, kiuj helpis!

Claire sinsekve vizitis Togolandon en la jaro 2011, 2012 kaj 2013. Tiu ĉi vizito estis la lasta, ĉar ŝia kontrakto kun la orfejo finiĝos ĉi-jare .



Donacitaj esperantaĵoj

# El «Kotona» Gazeto n-ro 5

**Pozitiva fakto:** La kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA Adjé Adjévi fartas pli bone kaj povos partopreni la Kongreson. Ni tre ĝojas pri lia agado, partopreno kaj kompleta resaniĝo kaj dankas ĉiujn, kiuj kontribuis al tio !!

**Paŝoj al subteno de afrikano, por ke li/ŝi venu al Kotonuo**

Ni esperis, ke nordaj Landaj Asocioj, inkluzive Aŭstralio kaj Nov-Zelando, subtenos la venon de unu (aŭ pluraj) afrikanoj al Kotonuo por tiu tre valora renkontiĝo.

Tio okazis kaj okazas !!!

La Rodanalpa Federacio subtenos la venon de unu kongresano. Du personoj el Svislando subtenos la venon de tri afrikanoj al Kotonuo. Svisa Esperanto-Societo subtenos la venon de unu afrikano al Kotonuo. Membroj de SES subtenos la venon de unu persono.

Pro la tutmonda financa krizo la subteno ne atingis tion, kion ni esperis ; la nordaj grupoj, kluboj kaj asocioj emas ŝpari kaj prudenti.

Nuntempe ni nombras 30 aliĝojn.

Venos al Kotonuo kvar eŭropanoj.

La ĝenerala kaso de la kongreso, el kiu ni pagos la muzikistojn por la nacia vespero, la presiston de la kongresa libro, la luon de la salonoj, bezonas subtenon ankaŭ.

Vi povas multon ekscii pri AKE per la retejo de Afrika Komisiono de UEA per

http://www.esperanto-afriko.org/afrikakongreso2013.htm

Vi povas mem vidi la lokojn, kie okazos AKE per http://mirejo3.blogspot.ch/2012/11/kotonuo-kongresejo.html aŭ http://mirejo3.blogspot.ch/2012/12/kotonuo-afrika-etoso.html

Sur tiu ĉi retejo, blogo de Mirejo Grosjean, vi povas legi la antaŭajn Kotonajn Gazetojn per esplorilo supre maldekstre skribante «kotona gazeto».

La aliĝilo troviĝas en la Kotona Gazeto 3.

**Por pagi aliĝojn kaj mendojn, bv uzi**

La konton de Afrika Komisiono ĉe UEA.

La konton de Scio Sen Bariloj, unu el la tri organizaj establoj per assb-k

La svisan konton de Scio Sen Bariloj 10-752700-3

Bv indiki precize, kiel ni devas uzi vian donacon :

Ĉu por subteni la Kongreson ĝenerale

Ĉu por subteni personon precizan ; en tiu kazo bv indiki la nomon kaj devenlandon kaj urbon.

Ni petas la ricevontojn de tiu dokumento diskonigi ĝin ene de la Landaj Asocioj, lokaj kluboj k.s.

La KOKo tre antaŭĝojas akcepti vin en Kotonuo !!!

# ILEI havas novan prezidanton/ ILEI a une nouvelle présidente

De 12-a ĝis la 18-a de julio 2013, Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) okazigis sian jaran konferencon en Herzberg am Harz, en Germanio, urbo kiu oficiale portis la nomon "Die Stadt Esperanton".

La Komitato elektis novan prezidanton, pliprecize novan prezidantinon, nome sinjorino Mireille Grosjean des Brenets (NE). Post 38 jaroj de lingvo-instruado, ŝi povos efike apogi instruistojn tra la mondo. Ŝiaj multnombraj vojaĝoj al aliaj kontinentoj permesos al ŝi labori en konado de lokoj, kutimoj kaj lokaj kondiĉoj tre variaj.

Ŝi jam aktive partoprenis en la akredito de Esperanto en la Komuna Eŭropa Kadro de Lingvoj lanĉita de la Eŭropa Koncilio. La rilatoj inter Esperanto kaj ALTE (Association of Languages Testers in Europe) kaj FIPLV (Internacia Federacio de Instruistoj de Vivantaj Lingvoj) estas jam starigitaj, por Mireille Grosjean necesos ilin disvolvi ankoraŭ pli. Respondeca pri eŭropa projekto Grundtvig kunigante kvar landojn kaj havante laborlingvon Esperanto, s-ino Grosjean estas nun vokita partopreni lanĉadon de aliaj projektoj de ĉi tiu tipo kunlabore kun eŭropa giĉeto de program-interŝanĝoj por Svislando, la Fondaĵo *ch*, en Soleure.

**Svisa Esperanto- Societo (SES)**

*Du 12 au 18 juillet 2013, la Ligue Internationale des Enseignants Espérantistes (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj ILEI) a tenu sa Conférence annuelle à Herzberg am Harz, en Allemagne, ville qui a pris officiellement le nom de «Die Esperanto-Stadt».*

*Le Comité a élu un nouveau président, plus précisément une nouvelle présidente, en la personne de Madame Mireille Grosjean des Brenets (NE). Après 38 ans d'enseignement des langues, elle sera à même de soutenir efficacement les enseignants à travers le monde. Ses nombreux voyages sur d'autres continents lui permettront de travailler en connaissance des lieux, des coutumes et des conditions locales très variables.*

*Elle a déjà participé activement à l'accréditation de l'espéranto dans le Cadre Européen des Langues lancé par le Conseil de l'Europe. Les relations entre l'espéranto et ALTE (Association of Languages Testers in Europe) et la FIPLV (Fédération Internationale des Professeurs de Langues Vivantes) sont déjà établies ; il s'agira pour Mireille Grosjean de les développer encore plus. Responsable d'un projet européen Grundtvig réunissant quatre pays et ayant pour langue de travail l'espéranto, Madame Grosjean est maintenant appelée à participer au lancement d'autres projets de ce genre par une collaboration avec le guichet européen des programmes d'échanges pour la Suisse, la Fondation ch, à Soleure.*

# Instituto Zamenhof verdas!




Tuj post la fino de la ekzamenoj ŝtataj, t.e la 25-an de junio 2013, okazis Esperanto-kurso por komencantoj kaj progresantoj ene de Instituto Zamenhof (IZo). Tiuj E-kursoj je du niveloj celis nur la lernantojn, kiuj dum la tuta jaro lernis Esperanton en IZo, kaj ne ankoraŭ trapasis ekzamenon de TIETo aŭ de Afrika Centro Esperantista (ACE).

S-roj AKPAYEDO Kodjo kaj GBEGLO Dzifa per la libro Metodo 11 instruis la lingvon kaj historion al 21 gelernantoj, kiuj preparis la ekzamenon A de TIETo, dum s-ro ADJE Adjévi pere de la libro Metodo 12 gvidis la kurson al la lernantoj de IZo, kiuj trapasos la ekzamenon B de ACE.

La kursoj finiĝis la 12-an de julio kaj la 15-an okazis la ekzamenoj A de TIETo kaj B de ACE. La rezultoj montris ĉe la kurso por komencantoj, tri malsukcesintojn ĉe la antaŭtesto, kaj fine sukcesis 9 gelernantoj. Ĉe la kurso por la progresantoj, kie okazis la ekzameno B de ACE, du lernantoj ne povis daŭrigi la skriban parton kaj la parolan, ĉar ili malsukcesis ĉe la antaŭtesto. La fina rezulto montris 6 sukcesintojn el 12 kandidatoj.

La sukcesintoj ĉe la du niveloj nun serĉas korespondamikojn en la tuta mondo. Bonvolu helpi ilin daŭre ellerni nian komunan lingvon, ĉar estas la sola rimedo por bone disvastigi ĝin.

La retadresoj de sukcesintoj disponeblas ĉe IZo. Same, oni povas kuraĝigi ilin, sendante poŝtan mesaĝon al la adreso de la instituto, kiu estas:
11 BP 48 Lome 11
Lomé-Togo.

Menciindas, ke la tuta kurso okazis sub kontrolo, gvido kaj konsilo de s-ro GBEGLO Koffi.

# Via helpo bezonatas por disvastigi Esperanton en Tanzanio

Vi certe legis pri "*Esperanto Plus*", asocio freŝe fondita kaj oficiale registrita en Francio, laŭ iniciato de Evelyne Rotellini kaj Jean Pierre Marcq. La asocio finance subtenas la agadojn de junuaj Esperanto-aktivuloj en Afriko.

*Esperanto-Plus* kunigas esperantistojn tra la mondo por krei grupon da 15 subtenantoj. Ĉiu grupo korespondas kun la subtenato, kiu sendas raporton pri siaj agadoj ĉiumonate al ĉiuj membroj de la grupo. Antaŭ pli ol unu jaro, du grupoj estis kreitaj respektive por subteni agadojn ĉirkaŭ Adjé Adjévi en Togolando kaj Fidilalao Henriel en Malagasio.

Tria grupo estas stariĝanta por Tanzanio ĉirkaŭ Mramba kaj ĝuste pri tio via helpo estas bezonata: ĉu vi povas helpi al la konkretigo de la tanzania grupo? Mi turniĝas al vi, ĉar iniciatintoj penas kontakti interesajn homojn en Esperantujo - iliaj rilatoj estas limigitaj.

Do, se vi havas ideojn pri interesaj kontaktoj – pri kio mi ne dubas – vi povas aŭ kontakti ilin aŭ disponigi iliajn retadresojn al *Esperanto Plus* je : contact.esperanto.plus@gmail.com. Mankas nur 7 personoj por havi la ciferon 15. Mi kredas, ke vi povus facile helpi varbi la necesajn personojn por Tanzanio.

Antaŭdankon !

**Aliĝu al la Togolanda Kongreso !**
**De la 20-a ĝis la 21-a de decembro 2013 okazos en Lomeo la 21-a Togolanda Esperanto Kongreso (TEK). La evento sinsevke gastos en Instituto Zamenhof, kaj ne atendu la lastajn tagojn por pagi vian kongresan kotizon!**
**Por pliaj informoj, bonvolu skribi al la Estraro de UTE per : utetogo@hotmail.com aŭ telefoni al (+228) 91 29 32 22 ; 98 35 90 64**
**Ni antaŭĝojas vidi vin!**

**La revuo «*BABILANTO*»**
**Redaktoras: Adjé Adjévi**
**Adreso: 06 BP 61807, Lomé-TG;**
**Tel : +228 90 25 75 49**
**E-mail : adjevia@gmail.com / adjevia@yahoo.fr**